2023
4:09
Tiun ĉi sonartikolon verkis kaj produktis Paŭlo S. Viana el Brazilo<br>
La homo kun grandegaj manoj
<br>
Antaŭ cent kvindek jaroj naskiĝis Sergej Rachmaninoff, kaj ĉi tiu jubileo estas kialo por tutmonda rememorigo kaj atenta aŭskultado de liaj verkoj — kiuj vivas kaj ravas ĝis hodiaŭ.Li estis unu el la plej influaj pianludistoj kaj komponistoj en la 20-a jarcento, unu el la lastaj gravuloj de la romantika muziko en la rusa tradicio. Ĝis nun liaj komponaĵoj estas aprezataj kaj eĉ popularaj.

Li naskiĝis en la vilaĝo Semjonovo, en kampara nordokcidenta Rusujo. Kvankam liaj gepatroj estis amatoraj pianludistoj, li mem komencis siajn studojn post translokiĝo, en la Konservatorio de Peterburgo. Tie, lia instruisto konsideris la junulon “pigra“, kaj submetis lin al rigora disciplino.

Ankoraŭ en juna aĝo li komencis komponi verkojn por piano, kaj en la jaro 1897 li lanĉis sian unuan simfonion. Liaj komponaĵoj ne ĉiam ricevis favorajn kritikojn, en la komenco de lia kariero, kaj tio kaŭzis al li fortan angoron. Sed sekvis amaso da komponaĵoj, kiuj staras inter la plej gravaj en la tutmonda muziko. Interalie: kvar konĉertoj por piano (inter kiuj la tria estas konsiderata kiel unu el la plej malfacilaj en la mondo); tri simfonioj; du sonatoj por piano; 3 operoj; 17 etudoj; 24 preludoj; multaj kanzonoj. Eble lia plej fama verko estas la ”Rapsodio je temo de Paganini”.

Rachmaninoff havis grandegajn manojn, kio faciligis al li larĝan atingon de klavoj sur la piano, kaj rafinitajn ritmajn kaj teknikajn ornamojn. Li estis granda admiranto de Tchaikovsky, kio influis lian stilon. Fakuloj lokas lin apud Liszt kaj Chopin, en la galerio de grandaj pianistoj. Liaj verkoj estas elegantaj kaj iom melankoliaj. Lia muziko estis uzita en multaj filmoj kaj muzikteatraĵoj.

Li estis dirigento en la Teatro Bolshoi, en Rusujo, en la komenco de la 20-a jarcento. Post la Rusa Revolucio, li forlasis sian landon kaj loĝis en pluraj eŭropaj landoj. Liaj verkoj estis malpermesitaj en Sovetunio.  Fine, li migris al Usono, kie li restis ĝis sia morto, en 1943.

La jubileo de la grandmana kaj grandtalenta rusdevena artisto estas ne nur oportuna okazo por celebro de altnivela arto, sed ankaŭ por serĉado de paco kaj toleremo en nia mondo.